# tempo

Gazeto de Kroata Esperanto-Ligo
Časopis Hrvatskog saveza za esperanto

decembro 2001




Paris 2001

**Conférence générale**
31e session
Projet de résolution

**Генеральная конференция**
31-я сессия
Проект резолюции

**dr**

**General Conference**
31st session
Draft resolution

**المؤتمر العام**
الدورة الحادية والثلاثون
مشروعات القرارات

**Conferencia General**
31ª reunión
Proyecto de resolución

**大会**
第三十一届会议
决议草案

31 C/4 DR.6
17 octobre 2001
Original anglais



- ★ Kroatio vane proponis rezolucion pri Esperanto al UNESKO
- ★ Retkurso pri Esperanto startis: *http://free-os.hinet.hr/eo/index.html*
- ★ Kroatinoj premiitaj en Bulgario kaj Rusio
- ★ Esperanto-diplomtemo ĉe Psikologia Fako en Filozofia Fakultato
- ★ D-ro Humphrey Tonkin gastos en Zagreb en marto 2002
- ★ Nova eldono de Esperanto-lernolibro en la kroata

# KARAJ LEGANTOJ

En novembro finiĝis en Parizo la 31a Ĝenerala Konferenco de UNESKO dum kiu kroata amabasadorino ĉe UNESCO Neda Ritz nome de sia lando proponis rezolucion pri Esperanto. *Tempo* titolpaĝe prezentas al vi la enkondukon en la dokumenton kun la foto de la ambasadorino kaj ŝiaj kolegoj. La propono pri la rezolucio tamen fine ne estis akceptita.

*Tempo* petis la prezidanton de UEA Renaton Corsetti respondi al la demando *Kial ne sukcesis la rezolucio pri Esperanto en 2001*? La rezolucio sukcesis en 1954, kiam por ĝi luktis Prof. Ivo Lapenna. (Pri la maniero de la lukto edife montras la libro *Eseoj memore al Ivo Lapenna.*). La alia rezolucio sukcesis krome en 1985 kiam pri ĝi laboris Tibor Sekelj. Kiam la rezolucioj havis absolutan subtenon de individuaj esperantistoj ili sukcesis.

En 2001 Kroata Esperanto-Ligo sukcesis ricevi subtenon de Ministerio pri Eskterlandaj Aferoj ke Kroatio proponu la priesperantan rezolucion. La subteno de Kroatio estis formala - rezulte la rezolucio ne estis akceptita. Eble tio estas plia pruvo ke esperantistoj havas pli da sukcesoj kiam ili aŭdacas ion fari. Ni aŭdacu ankaŭ estonte!

Sed ni lasu la komenton al la prezidanto de UEA.

Malgraŭ la malskuceso de la rezolucio, ni notis kelkajn malgrandajn sukcesojn en nia Esperanto mondo en la sekvontaj artikoloj.

*S. Štimec*

## Nobelpremio pri paco 2001

La 10an de decembro 2001 Kofi Annan, la ĝenerala direktoro de UN ricevis Nobelpremion pri paco por kiu ankaŭ Universala Esperanto-Asocio kandidatis. Esperanto estis en bona societo. Ni estas unu el kandidatigitaj asocioj de la mondo kaj la premion ricevis la persono, kiu gvidas la asocion kun kiu ni estas en konsultaj rilatoj.

Dum la zagreba kongreso okazis kunsido pri Nobelpremio, kiun gvidis Ivo Osibov, la ĝenerala sekretario de UEA. Iuj el la ĉeestintoj opiniis ke UEA devas rekandidatiĝi, la aliaj opiniis ke ne. La Komitato lasis al la Estraro, lanĉi la kampanjon, kiam ĝi trovos iun eventon en la movado sur kiu eblas bazigi la proponon.

Karaj legantoj, kion vi opinias pri Nobelpremio kaj Esperanto?

# 8-a MIRO

## 22a -26a de marto 2002

## Puntiżela

## Marturismo: inter mongajno kaj ekologio

## Rakonto pri (mal)sukceso

La kroata reprezentanto ĉe Unesko efektive proponis rezolucion dum la oktobra Ĝenerala Konferenco en Parizo favore al Esperanto. La propono estis sekvo de la ĉi-jara Universala Kongreso en Zagrebo kaj de la favoro al Esperanto esprimita je la plej alta politika nivelo, la prezidanto de la lando.

La teksto de la propono, evidente, estis anticipe interkonsentita kun la reprezentantoj de UEA ĉe Unesko.

Tamen, la tuta afero okazis relative malfrue, en oktobro mem, por doni al nia movado la tempon kolekti la subtenon de aliaj ŝtatoj. Ĉiam en la kazo de antaŭaj rezolucioj pluraj delegitaroj subtenis la rezolucion. En ĉi tiu kazo temis pri Kroatujo sola.

La afero ne estis senutila, ĉar tamen oni diskutis pri ĝi antaŭ ol decidi, ke ĝia ĝeneralaj ideoj estu iel aluditaj en la finaj konsideroj. La problemo estis ree starigita en la ĝusta loko, kaj tiu sama teksto prezentita de Kroatujo estos la bazo por la kampanjo, kiu nun komenciĝas antaŭvide de la posta Ĝenerala Konferenco de Unesko post du jaroj.

*Renato Corsetti*


# Tempo

Fondita en 1980. Ne aperis en militaj jaroj 1993 kaj 1994.
Aperas laŭeble kvarfoje jare
ISSN 0352-1583

**Redakcio:** Kneza Mislava 11/III, HR-10000 Zagreb, Kroatio
**tel:** (385 1) 46 17 550, **fakso:** (385 1) 46 19 373
**rete:** esperanto@zg.tel.hr
http: //pubwww.srce.hr/esperanto/kel
Tiu ĉi numero estas eldonita per helpo de Ministerio de kulturo de Respubliko Kroatio.
**Kontribuis:** Lucija Borčić, Ivo Borovečki, Renato Corsetti, Vladimir Dujnić, Davor Grgat, Franjo Gruić, Antun Kovač, Marta Kovač, B. Tornado, Davor Klobučar, Emil Hrvatin, Judita Rey Hudeček, Goran Lakotić, Neda Ritz, Vjekoslav Morankić, Spomenka Štimec
**Tajpis:** Spomenka Štimec
**Redaktoro:** Spomenka Štimec
**Grafike aranĝis:** Josip Pleadin
**Presis:** Grafokom, Đurđevac
**Anonctarifo** 1/1 paĝo 1000 kn (135 EUR), 1/2 paĝo 500 kn (68 EUR).
**Abono:** 4 numeroj jare 40 kn (5,5 EUR)
unuopa numero 10 kn (1,5 EUR)
Bv. aldoni sendokostojn (1 EUR) por ĉiu numero al eksterlando.
***La redakcio ne respondecas pri opinioj en la subskribitaj tekstoj.***

# Kostrena – Rijeka – la ĉefeventejo de la Esperanta vivo en Kroatio en 2002

Kostrena kun sia Esperanta Vilao gastigos la 5an kongreson de kroataj esperantistoj en 2002. Tie paralele okazos la 14a Alp-Adria Konferenco kaj krome Mezeŭropa Renkontiĝo, kune kun la 5a Kongreso de Kroataj Esperantistoj. Aldone al tiuj programoj samloke okazos ankaŭ konkurso pri Esperanto por la lernantoj en elementaj lernejoj. La eventoj okazos inter la 31a de majo kaj la 2a de junio 2002.

Per la nova kroata leĝo pri asocio la Vilao en Kostrena ekde la 1a de januaro 2002 denove fariĝis la posedaĵo de Esperanto-Societo en Rijeka. Tial ĝuste Kostrena fariĝas la centro de nia Esperanta vivo en la jaro 2002. (La Leĝo pri Asocioj el la jaro 1997 malebligis la uzon de posedaĵoj de Esperantaj Societoj. Per la jaro 2002 tiu tempo estas for.)

Ni elkore invitas esperantistojn el Kroatio plani sian alvenon al Kostrena-Rijeka en la koncerna periodo kaj trovi sian lokon en la buntaj programoj de la majaj eventoj.



*Sur la foto: Vjekoslav Morankić, la longjara prezidanto de Esperanto-Societo en Rijeka, kiu meritiĝis pri la Esperanto-Vilao en Kostrena.*

S. Stimec

## Nova prezidanto de Esperanto-Societo en Rijeka

Dum sia decembra elekta jarkunveno la Esperanto-Societo en Rijeka ricevis sian novan prezidanton: Boris Di Constanzo. Ni deziras al li bonan laboron en la jaro en kiu Rijeka fariĝis la centro de la Esperanta vivo en Kroatio. Vicprezidanto de la societo fariĝis Vjekoslav Morankić kaj membroj de la Prezidantaro: Svetozar Ćulibrk, Josipa Katunar, Gordana Katunar, Vladimir Margan kaj Emil Hrvatin.



# INVITO PARTOPRENI EN KONKURSO PRI ESPERANTO POR ELEMENTAJ LERNEJOJ

Kostrena – Rijeka invitas vin al konkurso pri la kono de Esperanto – Lingvo kaj Movado.

Kostrena invitas lernejojn anonci sian partoprenon. Ni akceptas 5 lernantojn el ĉiu lernejo. Ni invitas vin veni al Kostrena en la tempo inter la 31a de majo kaj la 2a de junio 2002. Tiam samloke venos gastoj el Mezeŭropo kaj Alp-Adria regiono. Ni atendas lernantojn vendredon vespere. Sabaton ni planas ekzamenojn kaj post ili - ekskursojn kaj kulturan programon. Ni petas ke la grupoj planu trovi monrimedojn por veturi al Kostrena.

(La kosto de la ir-revena veturbileto inter Zagrebo kaj Rijeka estas 120 kn. La lernantoj malpli ol 12 jaraj pagas duonan prezon.) Ni petas diversloke subvenciojn kaj esperas subvencii la restadon de la infanoj. Tiukaze la partoprenantoj ne havus elspezojn por sia restado. Tiun esploron ni konfirmos al vi post via principa anonciĝo. De la lernantoj oni esperas koni 12 lecionojn el la lernolibro de la Zagreba Metodo kaj iom el la Esperanta historio kaj Movado.

Se iuj grupoj volus kontribui al la sukceso de la programo, ili estas bonvenaj.

Por viaj aliĝoj dankas la organizanto Emil Hrvatin, (***Ul. Branka Laginje 30, 51211 Matulji***)

*E. Hrvatin*

# EL NIAJ SOCIETOJ




## Kroata Prezidento Stjepan Mesić akceptis delegacion de blindaj esperantistoj

La kroata prezidento Stjepan Mesić lige al la 67a Internacia Kongreso de Blindaj Esperantistoj akceptis delegacion de kroataj blindaj esperantistoj. La delegacion gvidis Antun Kovač, la nuna prezidanto de la Kroata Asocio de Nevidantaj Esperantistoj. En la delegacio estis krome profesoroj Boris Topalović kaj Tomislav Karlović, kun la akompanantoj.

KUNE estas krom KEL kaj "Bude Borjan" la sola societo el 13 anoj de KEL, kiuj en 2001 sciis profiti por sia laboro pri financa subteno de la Registaro kadre de la jara subteno al asocioj. KUNE kandidatiĝis en 2002 por la registara subvencio por partoprenigo de siaj membroj ĉe la venontjara kongreso de blindaj esperantistoj en Hungario.

S. Štimec laŭ A. Kovač

## Knabo Darko Blažić klerigas geavojn pri poŝtelefono

En Esperanto-Societo "Bude Borjan" oni sufiĉe klopodas pri klerigo de la membroj.



Ankica Jagnjić gvidis inter oktobro 2001 kaj januaro 2002 kurson pri informatiko por la membroj apartenantaj al la tria aĝo. Tiun kurson financas Ministerio pri scienco de Respubliko Kroatio.

La celo de la projekto estas - malgrandigi la sci-breĉon inter la generacioj.

Apartan atenton de amas-komunikiloj provokis la kurso pri poŝtelefono kiun por la geavoj gvidis la 15jara membro Darko Blažić. Ampleksa artikolo pri Darko kiu instruas geavojn kiel uzi poŝtelefonon aperis en *Jutarnji list* la 22an de novembro 2001. Post tio Kleriga programo de la Kroata TV filmis elsendon pri la temo la 10an de januaro 2002.

## Kroatinoj premiitaj por poezio

Lucija Borčić gajnis lastatempe du premiojn por sia originala poezia verkado.

La duan premion por sia poezia ciklo Lucija ricevis en Razgrad (Bulgario) kadre de la konkurso de Esperantista domo de kulturo *D-ro Ivan Kirŝev*. En la sama konkurso la trian premion gajnis Zora Heide (Vinceljak) por poezia ciklo kaj la stimulan premion Ana Kušić por la poemoj *La finstacio* kaj *Disvendado*.

Lucija Borčić estis krome gajninto de la laŭda mencio de la konkurso *Liro 2001* por la poemo *Por la orfoj kaj ploranto* kunorganizita de Urala Esperantista Societo kaj la revuo *La Ondo de Esperanto* el Rusio.

Elkorajn gratulojn al niaj poetinoj... kaj ankaŭ al Ankica Jagnjić, kiu estis en Rusio kandidato por Esperantisto de la jaro 2001.

## Aforismoj de Dinko Matković

Dinko Matković, post multaj jaroj da instruado, verkis en la insulo Hvar, kie li vivas, multajn stimulajn aforismojn. Li publikigis ilin ĉe *Fontoj*, sub la titolo, *333 cerbaj impulsoj*. Jen bela kolekto de liaj originalaj aforismoj.

Ni ĉerpas el la libro:

***Ne estas bone kiam sako valoras pli ol pako.***

***Prefere rozaj pensoj ol la ruzaj.***

***Se barbiro vundetas vin, ne diru al li – barbaro.***

***Dieto ne estas malgranda dio.***

***Kiu batalas por idealoj, kutime ne vivas ideale.***

## Slavonski Brod aktivas

En oktobro 2001 finiĝis la kvarmonata filatelia ekspozicio pri Esperanto kiun en fervoja stacidomo en Slavonski Brod prizorgis Ivan Stojanić. La societo en la urbo, fama pro la lanĉo de la revuo *La Suda Stelo*, vekiĝis post la dudekjara dormo, lige al la zagreba UK. Aperis du artikoloj en la lokaj gazetoj pri Esperanto de Milan Rakić, kiuj helpis varbi pri kursoj. Petar Štajduhar aparte helpis en ties organizado. Esperantistoj kunvenas en *Centar Vid Mihaljek kod Male Crkve* kaj esploras eblecojn pri kandidatigo de Slavonski Brod por la kongresurbo de la kroataj esperantistoj 2003.

*Laŭ Franjo Gruić*





## Esperanto kaj handikapo

Mi estas Goran Lakotić. Mi naskiĝis la 22-an de novembro 1979 en Kutina. Mi estas en rulseĝo pro cerebrala paralizo denaske kaj vivas en malgranda vilaĝo Batina apud Kutina kun gepatroj kaj pli juna frato. Mi finis bazan lernejon en "Centro Goljak" en Zagrebo kaj ekonomian mezlernejon en "Centro Dubrava", specialan lernejon por infanoj kun handikapo en Zagrebo kie mi finis Esperantan A-kurson kiun gvidis Judita Rey Hudeček. Mi partoprenis kelkajn landajn renkontiĝojn kaj 86-an UK en Zagrebo. Libertempe mi ŝatas legi bonajn librojn kaj verkas poezion. Mi revas vidi Brazilon dum UK 2002.

Moto de mia vivo estas: Kion vi donas, tion vi ricevos.

*Goran Lakotić*

## KEJA ĉe MEJK 2001.

De la 18a ĝis la 21a de oktobro 2001 en Berlino okazis MEJK - Mezeŭropa Junulara Konferenco. Samtempe okazis ankaŭ OKEJ - renkontiĝo de junularaj Esperanto-asocioj de Okcidenta Eŭropo. Organizanto de ambaŭ renkontiĝoj ĉi jare estis Germana Esperanta Junularo. Ĉefa celo de MEJK, kiu ĉiujare okazas en alia eŭropa lando, estas interkonado kaj plibonigado de kunlaboro inter diversaj mezeŭropaj junularaj Esperanto-asocioj. Ĉijaraj MEJK kaj OKEJ havis 11 partoprenantojn - reprezentantojn de 6 eŭropaj landoj kaj TEJO. Partoprenintaj landoj estis Germanio, Francio, Hungario, Italio, Nederlando kaj Kroatio (kiun reprezentis Tomislav Divjak kaj Marta Kovač). Ĉiu landa asocio prezentis sin, sian agadon, renkontiĝojn kaj planojn por estonteco. KEJA parolis pri sia ĝisnuna agado kaj pri venontjara MIRO kiu okazos en printempo, en Istrio. Ankaŭ, dum MEJK kaj OKEJ kelkaj kunaj projektoj estis pritraktitaj, kiel reviglado de eŭropa junulara gazeto "Koncize" kiu denove serĉas ĉefredaktoron kaj baldaŭ reaperos. Trejnada parto de la renkontiĝo konsistis el du temoj - "Akiro de subvencioj" kaj "Publika parolado". Ambaŭ temoj estis taksitaj kiel ege bonaj kaj utilaj por aktivuloj en junularaj landaj asocioj. Ni esperas ke venontjara MEJK, okazonta en Hungario, estos same sukcesa.

*Marta Kovač*

## Pula: Esperanto ĉe Internacia scienca aranĝo

*Lingvoj kaj kulturoj intertuŝiĝantaj* estis la titolo de la 5a Internacia scienca aranĝo kiun organizis Filozofia fakultato en Pula, traktinte la temon *Kroata libro en tradukoj - Spertoj pri tradukado de la kroata literaturo*. En la tempo inter la 10a kaj 13a de decembro ankaŭ Esperanto havis la okazon prezentiĝi. Inter pluraj fakuloj pri tradukado la temon *Kroataj tradukoj en Esperanto* prezentis D-ro Ivo Borovečki. Rezulte de la scienca aranĝo en *Vjesnik* aperis la 19an de decembro 2001 artikolo *Esperantaj suproj de la kroataj verkistoj* el la plumo de ĵurnalisto Mirko Urojević.

Ni menciu ke lastatempe Višnja Branković kunligas esperantistojn el Istrio per istria retbulteno dum Poreč estas grava punkto por la hilelismaj aktivecoj prizorgataj de Mato Špekuljak




## Stephani Strunjek denove premiita en Finnlando

Stephani Strunjek, lernantino en la sesa klaso de Elementa Lernejo Retkovec en Zagrebo, kiu lernas Esperanton ĉe Judita Rey Hudeček, ankaŭ en 2001 gajnis premion por fabelo en Esperanto ĉe la Internacia Konkurso de Finna Instituto. La Instituto, kies direktorecon transprenos Osmo Buller, post la posteno de ĝenerala direktoro de CO de UEA, jam kelkajn jarojn stimulas per konkurso infanojn verkantaj fabelojn. Post kiam en 2000 Stephani gajnis la duan premion, ŝi gastis pri Esperanto en pluraj TV kaj radio elsendoj. Por ŝia tria premio la intereso ne estis malpli granda. Jen Stephani gastanta en la zagreba tagĵurnalo *Večernji list*.

## Esperanto en Filozofia fakultato

Danijela Drakula el Novska preparas diplomekzamenon pri Esperanta temo.

Danijela Drakula, studentino pri psikologio, loĝanta en Novska, preparas diplomekzamenon en la kampo de socia psikologio. Por la diplomtemo ŝi elektis Esperantan temon pri sintenoj de esperantistoj, titolita *Teorio de prudenta ago*. Post kiam ŝi enketis



esperantistojn en diversaj kluboj, ŝi fariĝis la plej fidela uzanto de la Esperanta biblioteko en Zagrebo. Ŝi planas diplomiĝi en 2002 kaj *Tempo* tiam resume prezentos ŝian diplomverkon. Interesitoj povas kontakti ŝin ĉe **drakuladanijela@yahoo.com.**

## Nova estraro de KEL

La 15an de decembro 2001 okazis en Kneza Mislava 11 elektoj por la nova estraro de KEL kiu gvidos nian asocion en la periodo ĝis la jaro 2005. La jarkunvenon partoprenis reprezentantoj de Esperanto societoj Bude Borjan, Kroata Fervojista Esperanto-Asocio , *Liberiga Stelo* Osijek, *Viktor Mihovilić* Karlovac, Slavonski Brod kaj observanto el KEJA. La prezidanto estas akademiano Dalibor Brozović, vicprezidantoj Vjekoslav Morankić, Ankica Jagnjić kaj Radenko Milošević. Sekretario estas Spomenka Štimec. Membroj estas Josip Pleadin, Marta Kovač, Vida Jerman, Ljerka Stilinović, Marica Brletić, Judita Rey Hudeček.

Ni deziras al la nova prezidantaro multajn bonajn informojn kaj eventojn pri Esperanto en la venonta mandato.

## Esperanto ĉe la sociologia fako

Vlatka Leskovec, studentino pri sociologio kaj neesperantisto, iniciatis Esperanton kiel temon en la novembra seminario en la dua jaro ĉe Sociologia Fako de Filozofia Fakultato. Tiucele ŝi venis en Esperanto-klubon Bude Borjan por informiĝi. Ŝi kunlaboris por la seminaria laboro kun sia kolegino, kroatino lerninta Esperanton en Canberra.

## Prof. Humprey Tonkin en Filozofia Fakultato en Zagrebo en marto 2002 ?

Prof. D-ro Humphrey Tonkin, vicprezidanto de UEA, post la somera laboro en Zagrebo revenas, ĉi-foje al Filozofia Fakultato.

KEL traktas kun li pri gastprelegado por studentoj pri la angla lingvo kaj literaturo. Lian gastadon prizorgas D-ro Velimir Piškorec kiu lekcias en la fako pri la germana lingvo de la koncerna universitato. Tonkin prelegos ankaŭ pri la rolo de la angla kiel mondolingvo por la studentoj de lingvistiko.



KEL planas profiti de la restado de prof. Tonkin en Zagrebo por prezenti en Instituto Malferma Societo la noveldonitan verkon de Tivadar Soros (Teodoro Švarc) *Maskerado ĉirkaŭ la morto*. Temas pri la verko pri holokaŭsto en Budapeŝto el la plumo de la fondinto de *Literatura Mondo*. La libro aperis en 1961 kaj estis dum multaj jaroj elĉerpita. Dum Tonkin provizis la verkon per abundaj komentarioj kaj indeksoj, la filoj de la aŭtoro George kaj Paul Soros aŭtoris la antaŭparolon.

KEL ektraktas kun Jura Fakultato por ke Tonkin dum sia restado en Zagrebo eventuale prezentu , en la fakultato kie Lapenna lekciis, libron *Eseoj pri Lapenna*.

## Nova lernolibro pri Esperanto presata

KEL ekde la jaro 1999 forvendis mil lernolibrojn presitaj de Izvori. Por la jaro 2002 Izvori preparas novan, la 9-an eldonon de la Zagreba Lernolibro. Kunaŭtoris la lernilon Roger Imbert, Ivan Špoljarec, Spomenka Štimec kaj Zlatko Tišljar. La nova lernilo aperos en januaro 2002 en pliaj mil ekzempleroj.

# Japana masaĝisto Masayuki Saionji instruos en Kroatio

Japana masaĝisto, iniciatinto de Yumeiho-terapio, anoncis sian alvenon en Kroation por gvidi kurson pri sia terapio. Li povus okazigi seminarion en Zagrebo dum tri tagoj ekde la 29a de marto. En Osijek lia seminario povus okazi same tritage ekde la 4a de aprilo 2002.

KEL kontaktas kunlaborantojn en la fizioterapia fako por efektivigi la seminariojn. La antaŭvidita prezo por la seminario, al kiu estas bonvenaj masaĝistoj kaj similfakaj fakuloj, estas 1000 kn. La diplomon de la unua grado oni povos akiri kontraŭ aldona pago de 800 kn.

# Internacia Seminario en Germanio

Internacia Seminario, tradicia novjara Esperanta junulara renkontiĝo, ĉi jare okazis en nordgermana urbo Rotenburg (Wumme). La aranĝo daŭris sep tagojn (27 dec - 3 jan 2002) kaj ĝin partoprenis 314 junaj esperantistoj el 30 landoj.

La Internacian seminarion brile organizis Germana Esperanto-Junularo kaj kompreneble la etoso dum la aranĝo estis bonega. Ĉi jara Internacia Seminario estis la 45a kaj ĝia temo estis *Eŭropa Unuiĝo - idealoj kaj realoj*. La programo estis plena je diverstipaj prelegoj, laborejoj, amuzaj kaj sportaj programeroj, ĉiunokta diskejo, ktp. La partoprenantoj organizite ekskursis al urbo Bremen. Okazis jam kutima Silvestra festo kun abunda bufedo kaj balo.

La Internacian Seminarion partoprenis, inter multaj junaj esperantistoj el tuta mondo, ankaŭ esperantista kvinopo el Kroatio.

*Vladimir Dujnić*

# Kalendaroj de Davor Grgat

Davor Grgat por la jaro 2002 same kiel por antaŭaj jaroj preparis etan poŝkalendaron kun bondeziroj de Esperanto-Societo "Split" kaj Societo por Esperanto "Dinko Šimunović" el Sinj.

Ĉi-jare Grgat eldonigis ankaŭ murkalendaron dediĉitan al Respubliko Poljica, malmulte konata historia fenomeno al kiu Grgat rilatas per sia deveno. Respubliko Poljica, malnova slava respubliko, dum mil jaroj memstare vivis antaŭ ol Napoleono detruis ĝin.

# Verona invitas

Verona gastigos la 5an Eŭropunian Esperanto-Kongreson de la 23-28a de aŭgusto 2002.

Kroata Esperanto-Ligo pretas ebligi al vi partoprenon en Verona, kie esperantistoj pritraktos la temon *Efektiva lingva egaleco - rajto de la Eŭropanoj*. En decembro 2001 la detaloj pri la restado ankoraŭ ne estas abundaj. Interesitoj bonvolu nin kontakti tuj por la detaloj. Se montriĝos kontentiga nombro da interesitoj KEL organizos karavanon kun David Rey kiel gvidanto.

# Drama Grupo en Zamenhof-Festo 2001

Drama Grupo de Studenta Esperanto-Klubo sentigas la etoson kaj guston de la juna generacio de post la jaro 1958. La aktualan sezonon Drama Grupo prezentis premiere kadre de la Junulara Programo de UK per teatraĵo de Vanja Radovanović *Nerezistebla ĉarmo de ĉiutageco*. La ejon por la Zamenhof-festo la 19an de decembro afable disponigis Kroata Fervojista Esperanto-Asocio. Por la pesimisma mondrigardo Drama Grupo elektis unuavide fortajn senvortajn scenojn en kiuj la vortoj raris. Tia elekto ne favoris la guston de la publiko, kiu venis al Zamenhoftago por gustumi Zamenhof-lingvon. Verŝajne la juna publiko renkontis la programon de Drama Grupo en julio kun pli da entuziasmo. La junulara publiko en la ĉi-foja prezento de SEK bedaŭrinde mankis.

# Adiaŭo al la Eŭropa Lingvojaro en Hotelo International

Hotelo International gastigis parton de la Zamenhof-festo de KEL - la 18an de decembro 2001. Gastoj de la programo estis Kantensemblo *Ezerki* kaj Minista kaj teknika lernejo el Varaždin kiu kunlabore kun *Esperanto-Societo Božidar Vančik* en Varaždin sukcese organizis prezenton honore al la Eŭropa Lingvojaro. La lernantoj alportis ekspozicion pri diversaj lingvoj de Eŭropo kaj mem estis vestitaj per diversaj kostumoj simbolantaj eŭropajn lingvojn. Specialaj gastoj de la programo estis la dalamataj hundoj, konataj de la nacia vespero de la zagreba UK. Ili aparte plaĉis al foto-raportisto de la gazeto *Jutarnji list*, kiu aperigis artikolon pri nia programo.



# FELIĈAN JARON 2002 !

# NI INSTRUAS EN 2002

Kadre de la agado de Kroata Esperanto-Ligo, okazas jenaj Esperanto-kursoj en la Esperanto-kluboj kaj diversaj lernejoj:

En Esperanto-societo *Bude Borjan* en Zagrebo okazas 3 kursoj. Komencantan (15 partoprenantoj) kaj konversacian (13 partoprenantoj) gvidas Vladimir Dujnić dume la superan kurson gvidas Spomenka Štimec.

La komencantan kurson en *Studenta Esperanto-Klubo* en Zagrebo gvidas Marta Kovač kaj ankaŭ en *Kroata Fervojista Esperanto-Asocio* okazas la komencanta kurso kiun prizorgas Zlatko Hinšt.

La samnivelan kurson en Esperanto-Societo *Rijeka* gvidas Vladimir Margan kaj ĝin partoprenas 10 personoj kaj en Esperanto-societo *Liberiga Stelo* en Osijek kurson por komencantoj gvidas Ivana Žagar.

Koncerne la kursojn en elementaj lernejoj, en Zagrebo kaj aliaj partoj de Kroatio, ili okazas en jenaj elementaj lernejoj:

1. Osnovna škola *Retkovec* (9 kursanoj) - Aleja Javora bb, 10060 Zagreb
   *Centar za odgoj djece i mladeži Dubrava* (5 kursanoj)
   Gvidanto Judita Rey Hudeček- judita.rey@zg.tel.hr
2. Osnovna škola *Gustava Krkleca* (6 kursanoj) - Božidara Magovca 103, 10010 Zagreb
   Gvidanto Ida Bogadi - lerneja bibliotekistino, tel. 01 6670134 (biblioteko)
3. Učenički dom, Selska cesta 132, 10000 Zagreb
   Gvidanto Darko Blažić - darko_glorius@yahoo.com
4. Osnovna škola *Marko Marulić* (14 kursanoj) - Vladimira Nazora bb, 21300 Sinj
   Gvidantoj Mira Kocjančić - Stjepana Gunjače 12, 21300 Sinj kaj Slavenka Maršić
5. Osnovna škola *Mladost* (8 kursanoj) - Karamanov prilaz 3, 10000 Zagreb
   Gvidanto Marija Jerković- mjerkovic@net.hr
6. Osnovna škola *Andrija Mohorovičić* (1 kursano) - Šetalište Drage Gervaisa 2, 51211 Matulji
   Gvidanto Emil Hrvatin - Ulica Branka Laginje 30, 51211 Matulji
7. Osnovna škola *Antun Mihanović* (30 kursanoj) - Antuna Mihanovića 35, 35000 Slavonski Brod
   Gvidantoj Franjo Gruić - Strossmayerov Trg 5, 31400 Đakovo kaj Nela Dončević

*Vladimir Dujnić*



*Ida Bogadi gvidas Esperanto-kurson en Elementa lernejo "Gustav Krklec".*

## RETKURSO STARTIS EL OSIJEK

Ekde novembro en Interreto funkcias retkurso de Esperanto por kroatoj. Funkciigis ĝin Davor Klobučar el Osijek. La kurso estas organizita per lecionoj de la Zagreba metodo, kun aldono de originalaj ekzercoj por tiuj kiuj volas pliampleksigi sian scion. Kompletigita per sonmaterialo (kiu prezentas parolan Esperanton) kaj kun ligoj al aliaj TTT-paĝoj, la kurso estas rekomendinda al ĉiuj kiuj volas lerni per moderna metodo. Ĝi troviĝas en la adreso:

**http://free-os.hinet.hr/eo/**.

Diskonigu informon pri ĝia ekzisto kaj uzu ĝin!

# OMAĜE AL FORPASINTOJ EN 2001

***Ni perdis en 2001 plurajn el niaj membroj. La kongresaj aktivecoj dum la jaro 2001 ne permesis al ni adiaŭi de ili en la kongresaj numeroj de Tempo kaj ni publikigas komunan omaĝon al ili ĉiuj en la lasta numero por 2001.***

## Radoslav Škalamera (1921-2001)



La plej elstara esperantisto en Rijeka, forpasis en Rijeka la 28an de aprilo 2001. Li studis juron sed ĉesigis la studadon pro la milito. Partoprenis en naciliberiga batalo dum la Dua mondmilito. Ekde 1947 ĝis sia emeritiĝo li laboris en la konata kroata taggazeto *Novi list* en Rijeka. En la redakcio de la gazeto li laboris en diversaj postenoj, estis ĵurnalisto kaj poste la ĉefredaktoro de la gazeto. Li estis esperantisto ekde 1936. En *Novi list* li aperigis tutan vicon da priesperantaj artikoloj kaj felietonoj. Lia ĉefa priesperanta verko estas esploroj pri la historio de Esperanto-Movado en Rijeka, parte aperigita en *Heliko* - periodaĵo de Esperanto-Societo en Rijeka. Li posedis riĉan Esperantan bibliotekon. Lia tombo troviĝas en la pitoreska istria urbeto Brseč, kie la lastan saluton al li nome de esperantistoj adresis Vjekoslav Morankić.

*V.M.*

## Zdenka Ivek (1919-2001)



Konata esperantistino en Varaždin, kiu edukis multajn generaciojn de varaždinaj esperantistoj forpasis en julio 2001. Ŝi naskiĝis en Podgorač apud Našice, finis gimnazion en Nova Gradiška kaj matematik-fizikan fakultaton en Zagrebo. Post 1948 ĝis 1981 ŝi instruis matematikon en la gimnazio de Varaždin kaj gvidis tie multajn kursojn, edukinte plurajn generaciojn de esperantistoj. Ŝi partoprenis plurajn Universalajn Kongresojn. Grandparte dank' al ŝi Varaždin daŭre havas etan Esperantan klubon.

## Vesna Skaljer-Race (1911-2000)

Mortis sojle al 2001 en Beogrado. Esperantisto kaj UEA-membro ekde 1955-56, ŝi estis kvar jardekojn delegito pri instruado de lingvoj. Ŝi funkciis kiel direktoro de Esperanto-Instituto por Serbio ĝis 1960, gvidis kursojn kaj kontribuis al la revuoj *La Progreso* kaj *La Suda Stelo*. En belartaj Konkursoj de UEA inter 1962 kaj 1987 ŝi gajnis 15 diversajn premiojn kaj tiel ŝi iĝis la tria plej premiita aŭtoro. Ŝia hejmregiono Istrio estis grava fonto de ŝia inspiro. Poemojn ŝi publikigis en *Reeĥoj* (1961), *Maristo surmaste* (poemaro, 1969), *El la vivo* (noveloj kaj skizoj) (1977). Ŝi tradukis *Bosniajn elegiojn* de Ranko Risojević en 1986, *Espanja Espanja* de Vladimir Čerkez (1986) kaj *Familio Talhe* de Irfan Horozović en 1991.

## Drago Jaklin (1922-2001)

Konata esperantisto en Varaždin estis enterigita en la tombejo en Varaždin la 7an de majo 2001. Li naskiĝis en Srijemska Mitrovica la 19an de aŭgusto 1922. Post la abiturienta ekzameno en Zagreb li laboris kiel bankoficisto kaj bankrevizoro. Li lernis Esperanton en 1950 en Varaždin kaj estis estrarano de la klubo dum multaj jaroj. Meritiĝis aparte pro fortaj ligiĝoj de Esperanto-kluboj Varaždin kaj Nagykanizsa. Lia hobio estis filmado. Por sia socia laboro li ricevis plurajn diplomojn kaj medalojn.

## Davor Duževič (1936-2001)

Prof. d-ro pri fiziko kaj doktoro pri tekniko mortis en Zagreb la 2an de majo 2001. Li naskiĝis en Dol sur insulo Hvar en 1936. Li estis memlernanto pri Esperanto kaj pasie ŝatis ĝin apliki en scienco. Li postlasis manuskripton pri la seslingva nomaro de kemiaj elementoj (Esperanta, angla, franca, germana, rusa, kroata) kaj Meterologian terminaron de selektaj fizikaj grandoj.) Ĉe la 4a Internacia simpozio pri novaj teknologioj en Pula en oktobro 1993 li prelegis en la kroata pri Instigo al apliko de Esperanto ĉe SONT-konferencoj.

# JUBILEO DE LA PORTEMPA ZAGREBANO

# NIKOLAO ĤOĤLOV (1891-1953)

## (zagrebano de 1920 ĝis 1928)

Nikolao Ĥoĥlov ... Samaĝulo de Baghy kaj Kalocsay, li pli malfrue iĝis fama pro siaj verkoj kaj tro frue lasis la verdan parnason. Tamen al lia poezia heredaĵo estas destinita longa kaj glora vivo, ĉar aŭtoro de *La tajdo* estas unu el la plej elstaraj poetoj.

La nuna datreveno plian fojon memorigas, ke multaj cirkonstancoj de lia vivo estas ankoraŭ nesciataj de ni, liajn verkojn, dissemitajn en diversaj eldonaĵoj, ankoraŭ neniu kolektis plene, kaj tiu ĉi artikolo fakte estas la unua provo skizi lian biografion.

Nikolaj Ivanoviĉ Ĥoĥlov naskiĝis la 31-an de januaro 1891 en Moskvo, kiel li skribis "je kvaronversto de la muroj de Kremlo", kaj liaj infanaj jaroj pasis en ludoj inter ĝiaj muroj. En Moskvo li finis komercan lernejon kaj poste laboris kiel poŝtoficisto. Li esperantistiĝis en la jaro 1905, kaj en la gazeto *La Ondo de Esperanto* aperis liaj unuaj versaĵoj, ankoraŭ nematuraj. En 1918 li forlasis Moskvon, forveturante kune kun sia edzino en Poltavon. Tie, en Ukrainio, lin kaptis kaj mobilizis la blanka armeo. Lia edzino, kiel polino, sukcesis elmigri en 1919 al Varsovio, kie ŝi restis ĝis 1921.

Celante kiel eble plej rapide renkontiĝi kun ŝi, li ankaŭ forlasis la hejmlandon. En 1920 la edzino ankaŭ alveturis al li en Zagrebon. Tie al ili naskiĝis filo. Kaj denove nostalgio instigis lian edzinon entrepreni energiajn paŝojn por veturi al Pollando. Ne konante la cirkonstancojn, Ĥoĥlov plenumis ŝian deziron, kaj en 1923 ili estis en Varsovio. Sed nek laboron li povis trovi tie, nek permeson de la pola registaro resti en la lando pli ol unu jaron - templimo, ĝis kiu validis lia elmigrula pasporto, tiel nomata *pasporto de Nansen*. La edzino neniel volis lasi Pollandon, ŝia amo al la patrujo venkis, kaj ili devis eksedziĝi. Ĥoĥlov revenis al Zagrebo sola. Tiufoje la poeto restis en Jugoslavio ĝis la jaro 1928. Li kunlaboris en la gazeto *Konkordo*, profunde studis poezian arton, kaj plimulto de liaj versaĵoj, kolektitaj en *La tajdo*, evidente estis verkitaj en Zagrebo. Li tre amis Kroatujon, ĝian inteligentan kaj laboreman popolon, parolis kroate tiel, ke oni ne povis rekoni en li alilandanon, li eĉ sciis dialektojn de tiu lingvo, studis kaj tradukis kroatajn kantojn. Tamen la sopiro al la patrolando ĉiam pli kaj pli obsedis lin.

Fine li ricevis permeson reveni, kaj en la jaro 1928 li forlasis Jugoslavion por ĉiam. En Moskvo li laboris kiel ekonomiisto en diversaj entreprenoj, denove edziĝis, kaj en la jaro 1931 naskiĝis lia dua filo - Leonido.

Ĥoĥlov aktive partoprenis la agadon de la Moskva esperantistaro, en la Sovetrespublikara Esperanta Unuiĝo (SEU) li estis gvidanto de literatura sekcio en la lingva komisiono, kaj samtempe sekretario de la komisiono mem. Li kunlaboris en la Tutunia Societo por Kulturaj Interligoj kun Aliaj Landoj (VOKS), tradukis, partoprenis kompiladon de rusa-Esperanta vortaro, kaj faris grandan porliteraturan organizan laboron. Tie ĉi, en Moskvo, estis verkita ankaŭ lia studo pri la Esperanta stilistiko, kies manuskripto evidente pereis dum la milito. Li entuziasme studis kaj propagandis marksismon-leninismon, kaj revis verki ion novan, pli maturan ol *La tajdo*, sed tiuj revoj bedaŭrinde ne efektiviĝis.



**La aŭtoro kaj lia ĉefverko "La tajdo", reeldonita en Đurđevac en 1992.**




Dum la dua mondmilito Ĥoĥlov loĝis en Taŝkento, kie li donis ĉiujn siajn fortojn por la venko, organizante industriajn entreprenojn sur la nova loko kaj instruante homojn labori per moderna maŝinaro. Li revenas Moskvon en 1944 post grava malsano, same interesiĝas pri la Esperanta vivo, sed jam nenion verkas mem, nomante sin "estingiĝinta vulkano". Ĥoĥlov mortis la 26-an de februaro 1953 en Moskvo pro apopleksio. Li ripozas en la Ostankina tombejo.

Nemultaj verkoj de Nikolao Ĥoĥlov estis eldonitaj. Krom kelkaj tradukoj (*Krucumo* de A. Drozdov, Zagreb, 1922; *Morto de Danton* de A. N. Tolstoj, Köln, 1928; *Orientaj fabeloj* de Doroŝeviĉ, Leipzig, 1928; *Bela Joe* de M. Saunders, London, 1929, kune kun J. Blaikie; *Historio de la mondlingvo* de E. Drezen, Leipzig, 1931, kune kun Nekrasov) libroforme aperis nur: *La morto de la delegito de UEA* (Zagrebo, 1924), komedieto sufiĉe ŝablona kaj supraja, kaj lia ĉefverko - la poemaro *La tajdo* )Köln, 1928). Nur kvardek versaĵoj estas en tiu libreto, sed preskaŭ ĉiu el ili estas vere majstra. La temaro de Ĥoĥlov estas tre vasta: apud belegaj amaj versaĵoj tie trovas lokon brilaj verkoj de politika liriko, kiel *1905* (aperinta en la numero 1977/5 de *Hungara Vivo*), enhavanta frostotremigan bildon de dispafado de la popola manifestacio en Moskvo, kiel *Eŭropo*, plena de vera humaneco, kiel *Mia patrujo*, en kiu la poeto, troviĝanta tiam en Polio, elverŝas profundan amon al la socialisma patrolando; kaj liaj ĉarmaj ŝercaj versaĵoj kaj filozofaj meditoj en *Prolegomeno* kaj *La tajdo* - ĉio ravas per freŝaj kaj emociaj bildoj, kvazaŭ superplenigantaj ĉiun verson per klara kaj simpla lingvo, per riproĉa ritmo kaj muzikeco. Ne vane Ĥoĥlov metis al sia libro moton de P. Verlaine: *De la musique avant toute chose ...* - ĉiu lia verso havas kvazaŭ sian muzikan subtekston, iun akompanantan melodion. Sed la ĉefa trajto de liaj versaĵoj estas bildeco: Ĥoĥlov majstras rezonadon per bildoj, ĉiam neatenditaj kaj ĉiam trafaj, tial liaj plej filozofiaj versaĵoj estas plenaj de belo kaj ĉarmo.

La koro de Ĥoĥlov ĉiam estis kun la patrolando; li havis nenion komunan kun la reakcia elmigrintaro, kiu ŝajnis al li "mezepoka", kaj similanta personojn el la verko *Mortintaj animoj* de Gogol. Amo al virino kondukis lin for de la patrio, sed amo al la patrio lin revenigis. Kaj inter la popolo, konstruanta socialismon, li sciis trovi sian lokon.

*B. Tornado*
*(el "Hungara Vivo")*

## Predrag Matvejević

# MEDITERANEA BREVIERO

Aliro al Mediteraneo (hipotezas) certan punkton de kiu ni ekiras: strandon aŭ scenon, havenon aŭ spektaklon, navigadon aŭ rakonton. Enirante pli profunden en la mediteranean spacon, malpli grave iĝas de kie ni startis, kaj pli grave kien ni atingis: kion kaj kiel ni ion vidis.

Ĉi tie kiel startpunkto estas elektita Adriatiko, ĝis orienta flanko. La norda bordo de Mediteraneo, de Malaga ĝis Bosporo, pli alireblas al tiu kiu ekiras de la adriatika bordo. Ĉe la suda flanko, vizitante plurajn lokojn inter Haifa kaj Orano, ĉiu halto, kiom ajn mallonga kaj supraja, instigis al komparoj kun la supra, pli konata parto. El la malpli grandaj insuloj ni esploradis plej parte la Adriatikajn kaj la Ioniajn. El la pli grandaj Korsikon, Sicilion kaj Kreton. Estas malfacile ekkoni la tutan Mediteraneon.

Ni eĉ ne certas ĝis kie ĝi sterniĝas: kioman landparton apud la maro ĝi ampleksas. la malnovaj grekoj vidis ĝin ekde Faziso sur Kaŭkazo ĝis la Heraklo-kolonoj en la Gibraltara markolo en la direkto de Oriento al Okcidento, subkomprenante ĝian naturan limon al la Nordo, kaj neglektante la alian el la Sudo ... La araba saĝo nin instruas ke Mediteraneo penetras ĝis kie la olivoj kreskas. Ne ĉiam kaj ne ĉie estas tiel. Ekzistas lokoj eĉ ĉe la marbordo kiuj ne estas mediteraneaj, aŭ ili tio estas malpli ol aliaj, pli malproksimaj. La tero kelkloke pene adaptiĝas al la maro kaj ne akordas kun ĝi. Male ialoke la mediteraneaj ecoj ampleksas konsiderindajn partojn de la kontinento, kaj penetras en ĝin per plia influo kaj postsekvoj. Mediteraneo ne estas nur geografio.

Ĝiaj limoj estas markitaj nek per spaco ner per tempo. Ni ne scias kiel ilin difini nek per kio: ili estas nek ekonomiaj nek historiaj, nek ŝtataj nek naciaj. La mediteranea "Kretocirklo" konstante merkatas kaj viŝetas, la ondoj kaj la ventoj, riskoj kaj inspiroj ĝin plivastigas aŭ ŝrumpigas laŭ siaj kriterioj.

La ecojn de Mediteraneo ni ne malkovras nur ĉe la propraj bordoj. En la mondon el ĝian havenoj startis la esploristoj de la Nova mondo. Aliborde de aliaj, pli grandaj maroj ni renkontas iliajn spurojn, plie sude ol norde. Jam de la mito-epokoj la Argonaŭtoj spuris la oran ŝaffelon ĝis Kolĉido. Antikvaj afrikaj civilizoj antaŭis la mediteraneajn kaj sian heredaĵon postlasis al ili. De la azia grundo venis profetoj kaj tri grandajn religiojn disvastigadis laŭ la tuta bordo. Sur Mediteraneo koncipiĝis Eŭropo ...

La Silka vojo prancis ĉi tie. La Sukcena same. Diversdirekten gvidis la vojoj de salo kaj spicoj, oleoj kaj parfumoj, ŝtofoj kaj ornamaĵoj, ilaroj kaj armiloj, scioj kaj sciencoj, artoj kaj perceptoj. La grekaj emporioj ne estis nur foirejoj, sed ankaŭ ambasadejoj. Laŭ la romiaj ŝoseoj taksatis la potenco de la imperio sed ankaŭ disvastiĝis la civilizo. Mediteraneo ne estas nur historio.

Estas malfacile malkovri kio nin pelas ĉiam denove, laŭ tiu aŭ alia maniero, provi komponi Mediteranean mozaikon la pasean kaj la nuntempan, ankoraŭfoje katalogi ĝiajn konatajn konsistopartojn, denove kontroli kion ĉiu el ili signifas aparte por ni aŭ kiom ili valoras unu al la alia: Eŭropo, Magrebo kaj Levanto; judeismo, kristanismo kaj islamo; Talmudo, Biblio kaj Korano; Ateno kaj Romo; Jerusalemo, Aleksandrio, Konstantinopolo kaj Venecio; la grekaj dialektiko, arto kaj demokratio; la romiaj juro, forumo kaj



respubliko; la antikva araba instruo; la provenca kaj la kataluna poezioj; la itala renesanco; Hispanio dum diversaj epokoj, edifaj kaj kruelaj; la sudaj Slavoj ĉe Adriatiko, Dubrovnik. Popoloj kaj rasoj dum jarcentoj ĉi tie intermiksiĝis, kuniĝadis, kontraŭstaris unuj al aliaj, eble eĉ pli ol ie ajn sur ĉi tiu planedo: oni kutime troigas akcentante iliajn similevojn kaj reciprokadojn, neglektante malsamecojn kaj konfliktojn. En ĉiu nacia kulturo prezentiĝas kaj konfirmemas la mediteraneaj identecoj, malsamaj el la aliaj: *idem, nec unum.*

La mediteraneaj partikularecoj ne inkluziviĝas senpere en aliajn tutojn, ne eniras ĉiujn spacojn de kontaktoj de la marbordo kun la kontinento, de la Sudo kun la Nordo, de la Nordo kun la Sudo. Pluraj kontraŭdiroj markis la civilizojn kaj kulturojn, la malnovajn kaj la novajn; post la helena kaj la romia, la italan kaj la francan, la katalunan kaj la hispanan, la egiptan, magreban, kaj eĉ la kroatan, parte ankaŭ la slovenan, serban aŭ montenegran, la macedonan kaj la bulgaran, verŝajne ankaŭ la aliajn, antaŭ la grek-romiaj epokoj, paralele kun, aŭ post ili. Mediteraneo ne estas originala tradicio.

Al ĝi ne konvenas kriterioj malpli vastaj ol la mediteraneaj. Ni perfidas ĝin alirante al ĝi de la eŭrop-centrisma starpunkto (kiel al la escepte latina, roma aŭ romanika produkto), rigardante ĝin el la vidpunkto panhelenisma, tutaraba aŭ cionisma, prijuĝante ĝin el la starpuntko de ia ajn partikularismo, nacia, religia aŭ partia. La veran bildon pri Mediteraneo misformadis ne nur diversaj historioj sed ankaŭ diversaj perceptoj pri la historio: fanatikaj tribunoj kaj religiemaj ekzegezistoj, sciencistoj sen fantazio, kaj predikantoj sen propra konvinkiteco, oficialaj analizistoj kaj okazaj poetoj. Ŝtatoj kaj religioj, regantoj kaj prelatoj, leĝdonantoj sekularaj kaj ekleziaj ĉiamaniere dividadis ĉi tiun spacon kaj ĝiajn homojn. La Mediteraneaj interligoj rezistis ĉiujn dividojn. Mediteraneo estas pli ol aparteno.

Ĉiu parolo pro ĝi suferis je mediteranea parolemo: suno kaj maro; odoroj kaj koloroj; ventoj kaj ondoj; sablaj plaĝoj kaj insuloj de feliĉo; junulinoj frue matiruĝantaj; pasioj pene regeblaj; vidvinoj volvitaj en nigro; havenoj, ŝipoj, navigantoj kaj invitoj al vojaĝoj; navigadoj, ŝiprompiĝoj kaj rakontoj pri ili; oranĝo, mirto kaj olivo; palmoj, pinoj kaj cipresoj; lukso kaj mizero; realo kaj iluzio; vivo kaj revo. Tiajn, eble neeviteblajn motivojn misuzis la ĝeneralaj lokoj de la literaturo: priskribo kaj ripetado, patoso. La Mediteranea retoriko servis al demokratio kaj demagogio, al libero kaj al tiranio. La oratoraj pasioj okupis la forumon kaj la tempolon, la justojn kaj la predikojn. La areno aŭdeblis pli malproksimen ol areopago. Mediteraneo kaj la primediteranea retoriko ne apartigeblas unu disde la alia.

En preskaŭ ĉiu epoko, sur ĉiuj partoj de la marbordo ni konfrontas la mediteraneajn harmoniojn kaj kontraŭecojn: unuflanke klareco kaj formo, geometrio kaj logiko, leĝo kaj justo, scienco kaj poetiko; aliflanke ĉio ĝin kontraŭstaranta. Sanktaj libroj pri interpaciĝo kaj amo al proksimuloj kaj krucmilitoj kaj ĝihado. La ekumena senco kaj la fanatika ostracismo. Universaleco kaj aŭtarkio. Agoro kaj labirinto. Entelehio kaj letargio. Ateno kaj Sparto. La Dioniza ĝojo kaj la Sizifa roko. "Homo kiel kriterio" kaj Prokusto ekster la skemo de sia lito. Romo kaj la barbaroj. La Orienta kaj la Okcidenta imperioj. La norda kaj la suda marbordoj. Eŭropo kaj Afriko. Friso kaj arabesko. Kristanismo kaj Islamo. Katolikismo kaj ortodoksismo. La instruo de la Nazaretano kaj la persekuto de la juda diasporo. Tiuj komunecaj trajtoj foje negatas, alifoje reciproke kompletiĝas. La Renesanco ne tute sukcesis venki la Mezepokon sur Mediteraneo.

*El la kroata: Lucija Borčić*
*(Fragmento publikigita kun permeso de la aŭtoro)*

# Libroj eldonitaj okaze de UK en Zagrebo...

## haveblaj ĉe la libroservo de KEL




**Eseoj memore al Ivo Lapenna**, impona 417 paĝa libro, redaktita de akademiano Carlo Minnaja kaj eldonita sub aŭspicio de Internacia Scienca Instituto Ivo Lapenna ĉe www.kehlet.com en Danlando. La personecon de Lapenna prilumas 47 artikoloj el plumoj de liaj diverstipaj kunlaborantoj. La zagreban vivon de Ivo Lapenna en la libro prezentis Zlata Flego. Eldonisto kaj teknika prizorganto de la libro Torben Kehlet forpasis la 31an de majo 2001 dum la redaktado de la libro. Prezo ĉe KEL: 30,00 EUR




**Internacia Kongreso Universitato Zagrebo 21-28 Julio 2001** estas la kolekto de prelegoj okazigitaj dum UK en Zagrebo kadre de la 54a I.K.U – Internacia Kongresa Universitato. Rektoro de la universitata sesio en Zagrebo estis Prof. D-ro Dalibor Brozović kaj lia helpanto – vicrektoro D-ro Velimir Piškorec. La kolekto enhavas kontribuojn de Prof. Grant Goodall pri *nova eltrovoj en lingvistiko*, Prof. Amri Wandel pri *SETI: Dialogo kun ekstertera kulturo*; D-rino Marjorie Boulton pri *Interkulturaj rilatoj en furora romanserio*; Prof. Lee Chong-Yeong pri *Socialismo kaj ekonomia evoluo – lecionoj el la ĉina ekonomia evoluo*; D-rino Sabine Fiedler pri *Esperanta Frazeologio – Spegulo de kulturo*; D-ro Franz-Georg Rössler pri *La muziko – dialogo inter la kulturoj*; Prof. Maŭro La Torre pri *Kiaj edukmodeloj por la homidoj de la tria jarmilo*. La prelegaron redaktis Michela Lipari.

Prezo: 5,20 EUR




Omaĝe al la 86a Universala Kongreso en Zagrebo, Esperanto-Asocio de Interna Mongolio eldonis dulingvan Esperantan kaj la ĉinan lernilon ***Esperanto ne estas nur lingvo*** de Spomenka Štimec. La verkon ĉinigis Harpina. Post kvar elĉerpitaj eldonoj en Kroatio, tio estas la unua eldono kun tradukoj de la lecionoj. KEL preparas novan (kvinan) eldonon de la lernilo por postkomencantoj.

*(La verko konsultebla en biblioteko, ne vendata en Kroatio sed en Ĉinio.)*




**Lingva planado kaj leksikologio** estas 286-paĝa kolekto de prelegoj de la samnoma postkongresa simpozio de Esperanta Akademio okazinta sub la aŭspicio kaj en la ejoj de Kroata Akademio de Sciencoj kaj Artoj en julio 2001. La libron redaktis Christer Kiselman kaj Geraldo Mattos kaj presis ĝin *Fonto* en Brazilo. La prelegoj de 17 fakuloj, en Esperanto kaj la angla lingvoj

Prezo: 12,50 EUR.